2a JARO MAJO 1910 7a NUMERO (19)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

redaktata de VAN DER BIEST-ANDELHOF, direktoro ;
LÉON CHAMPY, FRANS SCHOOFS kaj
OSCAR VAN SCHOOR.

ABONPREZO :

| | |
|---|---|
| Belglando . . . | Fr. 4.— (Sm. 1.60) |
| Eksterlando . . | Fr. 5.— (Sm. 2.—) |
| Unu numero . . | Fr. 0.40 (Sm. 0.16) |

Sekretariejo : 49, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse), Antwerpen, Anvers.
Abonoj kaj Monsendoj : 20, Vondelstraat (rue Vondel), id.
Ĵurnaloj, broŝuroj, libroj : 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), id.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

## KONGRESO DE 1910

ANTVERPENO, la 1an de Majo 1910.

*Estimata Samidean(in)o,*

Laŭ decido alprenita en Verviers la 27an de Junio 1909, la **2a belga esperantista kongreso** okazos nunjare en Bruĝo, la 15-16an de Majo (Pentekostofestotagoj).

Ni havas la honoron inviti vin por partopreni en tiu kongreso, kiu konsistos el la regula ĉiujara kunsido de la Belga Ligo Esperantista kaj el allogaj festoj, organizotaj de la Bruĝa grupo.

La Bruĝa urbestraro akceptos oficiale la gekongresanojn en la Urbdomo, kaj la kunsido okazos en la festsalonego de la Provinca Estrarejo, ŝuldata al la bonvolemo de de Lia Moŝto, Barono Ruzette-van Caloen de Basseghem, provincestro de Okcidenta-Flandro.

Ni esperas, Estimata Samidean(in)o, ke vi bonvolos respondi al nia alvoko, kaj sciigi plej baldaŭ pri via aliĝo S-ron A. J. Witteryck, prezidanto de la Bruĝa Grupo Esperantista, aldonante 50 centimojn por la kongresa karto.

Diversaj fremdlandaj esperantistoj ĉeestos la kongreson, kiu do estos reala festo de internacia frateco.

Ni prezentas al vi, Estimata Samidean(in)o, nian plej afablan saluton.

*La ĝenerala Sekretario,*
LÉON CHAMPY.

*La Prezidanto,*
VAN DER BIEST-ANDELHOF.

# PROGRAMO

DE LA

# IIe Belga Esperantista Kongreso

(Bruĝo, la 15-16an de Majo 1910).

UNUA TAGO, DIMANĈO.

91/2 h.— Kunveno de la gekongresanoj en la « Hôtel du Cornet d'Or », Placo Simon Stevin.

10 h.— Oficiala akcepto en la Urbdomo.

11 h.— Jara ĝenerala kunveno de la Belga Ligo Esperantista en la festsalonego de la Provincestra Hotelo, Granda Placo.

13 h.— Festmanĝo en la halo de la Belfrido.

15 h.— Promenadeto al la Lago de Amo, la Beginejo, tra la urbo.

19 1/2h. — Intima festo en la festĉambrego de la « Aigle Impériale », Placo de l' Teatro.

DUA TAGO, LUNDO.

9 h.— Kunveno de la gekongresanoj en la « Hôtel de l'Aigle d'Or, Placo de la Monfabrikejo (Muntplaats, Place de la Monnaie).

91/2 h.— Vizitado al la muzeoj de la urbo.

11 h.— Ekskurso per vaporŝipo al Bruĝo-haveno (Zeebrugge). Promenado sur la havenmuro.

13 h.— Tagmeza manĝo (lunch) en la Granda Hotelo de Zeebrugge.

15 h.— Promenado laŭlonge de la marbordo al Blankenbergo.

Vespere.— Reveturo al Bruĝo vagonare.

---

La kosto de la kongresa karto estas 50 centimoj = Sm. 0.2 ; tiu karto rajtigas partopreni en la intima festo, vizito al la muzeoj, ekskurso.

La festmanĝo, sen trinkajo, kostos 3 frankojn = Sm. 1.2. La organiza komitato petas la prezidantojn de la grupoj kolekti la enskribprezon de ĉiuj partoprenontoj kaj sendi la opan sumon al S-ro A. J. WITTERYCK, 4, Nieuwe Wandeling (Nouvelle Promenade), Brugge (Bruges), plej malfrue la 9an de Majo.

La personoj, kiuj volas nokte loĝi en Bruĝo estas petataj informi pri tio S-ron Witteryck, kaj sciigi al li kiom ili volas elspezi. La diversaj prezoj estas fr. 5.25,— fr. 4.50,— fr. 4.25,— fr. 3.00,— fr. 2.75,— fr. 2.60, — fr. 2.50 kaj fr. 2.25, por unu nokto kaj matenmanĝo.

La toastoj estos reguligataj de la organiza komitato.

---

## BELGA LIGO ESPERANTISTA

---

### TAGORDO

de la ĝenerala kunveno, okazonta en Bruĝo, Dimanĉon, la 15an de Majo 1910, je la 11a matene, tre akurate, en la Provincestra Hotelo, Granda Placo.

---

1. — Parolado de la Prezidanto.
2. — Raporto de la ĝenerala sekretario pri la agadoj de la Ligo dum 1909-1910.
3. — Raporto de la kasisto. Bilanco.
4. — Disdono de la diplomoj pri profesora kapableco.

5. — Esperantistoj, vi kantu! Parolado de S-ro SWAGERS (Antverpeno).

6. — Esperanto inter la junularo. Parolado de S-ro LOUIS VAN AUBEL (Lieĝo).

7. Propono de S-ro DELVAUX por okazigi la venontan kongreson en Charleroi. Eventuelaj aliaj komunikaĵoj.

8. — Elekto de ses membroj de la komitato, laŭ la artikolo 7a de la regularo. La elirantaj komitatanoj estas S-roj L. CHAMPY (Antverpeno), KOMANDANTO DUVERDYN (Bruĝo), PASTRO RICHARDSON (Bruselo), Fr. SWAGERS, D-ro R. VAN MELCKEBEKE kaj O. VAN SCHOOR (Antverpeno).

Ĉiuj estas reelekteblaj.

# AL BRUĜO!

Nur kelkaj tagoj nin disigas ankoraŭ de la Bruĝa kongreso.

Konsili al tiuj el niaj gesamideanoj kiuj jam ĉeestis la unuan kongreson ke ili ankaŭ partoprenu en la nunjara, estus tute senutile : ili certe ankoraŭ memoras la ĝojan interkonatiĝon kun niaj Verviersaj amikoj, - la solenan akcepton en la Urbestrara Hotelo, — la interesplenan ĝeneralan kunsidon kun ĝia fiera deklaracio de fideleco, — la belajn festojn, organizitajn de niaj tieaj samcelanoj....

Al tiuj « malnovuloj » ni nur diros, ke la Bruĝa kongreso estos nek malpli grava, nek malpli brila, ol la Verviersa.

Nia alvoko sin direktas speciale al tiuj el niaj amikoj, kiuj ĝis nun nur siajn grupajn kunvenojn ĉeestis, kiuj ne ankoraŭ kun aliurbaj, alilandaj samideanoj konatiĝis.

Al ili ni diras :

Iru al Bruĝo, por viavice vivadi dum du tagoj en Esperantujo, por aŭdi ĉirkaŭ vi nur la karan Zamenhofan lingvon, por spiradi tiun esperantistan aeron, kiu revivigas, kiu donos kuraĝon al la malfortuloj, kiu forigas skeptikecon, kiu altigas la korojn kaj la spiritojn, kiu incitas al boneco, al frateco, al pacemeco!

Geamikoj, ĉiuj al Bruĝo!

B. E.

# ESPERANTISTA GRUPO « LA VERDA STELO »

## ANTVERPENO

La membroj estas insiste petataj ĉeesti la eksterordan kunvenon, okazontan MERKREDON, LA 11an DE MAJO, je la 8 1/2 vespere, en la kafejo « Zomerhof » 32, Dageraadplaats (place de l'Aurore).

TAGORDO. 1. Raporto pri la lasta kunveno. — 2. Elekto de 3 komisarioj. — 3. *Belga Esperantista Kongreso*, Bruĝo 15-16 Majo. — 4. Propagandaj rimedoj. — 5. Propagando inter diamantlaboristoj. — 6. Kursoj. — 7. Universala Esperantista Asocio. — 8. Diversaj informoj.

La jena informo anstataŭas la kunvokilojn.

La Prezidanto,
FRANS SCHOOFS.

# NI RESTU FIDELAJ !

Laŭ la melodio de PETERS :
*Strömt herbei, ihr Völkerscharen.*

Esperanta teksto
de H. ARNZT.




2. Al batalo, nia rondo,
Venku ni, en nia sfer',
Jam progresas en la mondo
Ĉiutage pli l'afer',
Se ĝin vidus la dubanto
Nepre konvinkiĝus li.
Certe venkos Esperanto,
Se fidelaj restos ni.

3. En batalo malamika
Estas antaŭopini',
Ĝin ni venkos per fortika,
Per senlaca energi',
Malgraŭ ĉiu malhelpanto,
Malgraŭ ĉiu moka kri',
Fine venkos Esperanto,
Se fidelaj restos ni.

4. Do al nia verda stelo,
Fidelecon juras ni,
Ni promesas, ĝis la celo,
Sekvi kien gvidas ĝi.
Al sukceso, batalanto,
Nepre do kondukos ĝi,
Certe venkos Esperanto,
Ĉar fidelaj restos ni !

---

☞ Ĉiuj kantoj aperintaj en « Belga Esperantisto » estas aparte aĉeteblaj en la **Centra Esperantista Belga Oficejo**, ĉe O. Van Schoor, 20, Vondelstraat (rue Vondel), Antwerpen (Anvers).
Ĉiu ekzemplero kostas 10 centimojn.

# Universala Esperanto-Asocio

## Ĝia celo. — Ĝia organizo. — Ĝiaj praktikaj servoj. — Ĝia signifo.

Kiam lernanto finis la studadon de Esperanto, venas al li la demando : « Por kio utilas al mi Esperanto ? » Se li ne ricevas tujan precizan respodon, lia fervoro malvarmiĝos ; iom post iom li forlasos nian aferon, ĉar lia scio estos sencela. Saman respondon faras al ni tiaj personoj, kiujn ni instigas al la lernado de Esperanto. Preskaŭ ĉiuj respondas ke Esperanton ili lernos nur tiam, kiam ĝi prezentos por ili difinitan utilecon. Male, se ni povas tuj prezenti al la publiko tute certajn profitojn, kiun havigos al ĝi Esperanto, ĝi pli kaj pli aktive partoprenos en nia afero, ne nur pro entuziasmo al ĝi, sed pro la profito, ĉu materiala, ĉu idea, kiun ĝi ricevos.

Ĉu ni do povas diri, ke jam nuntempe Esperanto estas utila ? Por respondi per faktoj tiun gravan demandon, t. e. por utiligi Esperanton en la diversaj sferoj de la vivo internacia, fondiĝis vasta kaj tre grava organizaĵo, nome **Universala Esperanto-Asocio**, en kiu jam partoprenas la pli granda parto de la Esperantistaro.

### Ĝia celo

UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO (U. E. A., aŭ mallonge, *Esperantio*) celas la plifaciligon de la ĉiuspecaj materialaj kaj moralaj rilatoj inter diverslingvanoj kaj, konsekvence, la kreon de fortika ligilo de solidareco inter ili. Ĉar la plej granda baro por la plifaciligo kaj plioftigo de la rilatoj inter diversgentanoj estas la *Diverslingveco*, U. E. A. kiel oficialan lingvon decidis uzi nur la neŭtralan lingvon *Esperanto* tian, kia ĝi rezultas el sia verkaro.

### Ĝia organizo

En ĉiu regiono la membroj de U. E. A. (Esperantianoj) balotas *Delegiton*. La Delegito reprezentas la membrojn de sia regiono kaj zorgas pri la funkciado de la diversaj servoj organizataj de U. E. A. Por tio li elektas diversajn helpantojn aŭ *Konsulojn*, speciale konsulon por ĝeneralaj informoj, konsulinon por virinoj, konsulon por komerco kaj industrio, konsulon por junuloj kaj, en marhaveno, konsulon por maraferoj. Tiuj konsuloj havas kiel devon la liveradon de skribaj aŭ parolaj informoj al ĉiuj Esperantianoj pri la temoj, kiuj koncernas fakon. En ĉiuj lokoj de sia regiono, la Delegito elektas *Subdelegitojn*, kiuj plenumas saman rolon kiel li.

La *Komitato* de U. E. A. estas balotata de la Delegitoj. Ĉiu komitatano estas komisiata al difinita Fako, pri kiu li zorgas kun la necesaj helpantoj. Ekzistas ĝis nun la jenaj fakoj : Administr-

ado, Financoj, Konsuloj, Esperanto-Oficejoj, Komerco kaj Industrio, Junuloj, Turismo.

Ni aldonu, ke dank'al la iniciatrajto, ĉiu Delegito povas fari precizajn proponojn kiuj devas esti submetataj al ĝenerala voĉdonado. La organizo de U.E.A.estas do tiel simpla kiel liberala ; ĝi povos ĉiam facile plivastiĝi sian agadkampon, laŭ la bezonoj kaj cirkonstancoj.

Ĉiu persono, kiu deziras aliĝi, pagu al la Delegito aŭ Subdelegito de sia regiono kotizaĵon da nur **36 Sd**. Interŝanĝe li ricevos membrokarton, kiu donos al li la rajton uzi ĉiujn servojn organizatajn de U. E. A. kaj plendi al la Komitato, se tiuj servoj ne estas plenumitaj.

## Servoj de U E. A

LIVERADO DE INFORMOJ. — Se Esperantiano deziras ricevi informojn pri iu ajn afero,vojaĝo,somera restado, komerco, industrio,lokaj institucioj,se li bezonas *oficon* aŭ oficiston,fremdan instruiston por siaj infanoj, se li deziras *studadi* en fremdlanda lernejo, vojaĝi mare, k. c., se li deziras helpon en iu ajn loko, li tuj sin turnu al la Delegito aŭ Subdelegito de U. E. A. de tiu loko, kiu plej baldaŭ, ĉu mem, ĉu per la kompetentaj konsuloj, sendos al li la necesajn petitajn informojn.

VOĴAGO. — Plej utila estas U. E. A. al la personoj, kiuj deziras fari vojaĝon tra la landoj, kies lingvon ili ne scias. La vojaĝanto bezonos nur kunporti la Oficialan Jarlibron de U. E. A. kaj la gvidfoliaron de U. E. A, kiu enhavas la plej urĝajn informojn pri la ĉefaj lokoj (1) (Esperantiaj firmoj kaj hoteloj, listo de la konsuloj, nomaro de la vidindaĵoj k. a.). Por ricevi pliajn informojn, la vojaĝanto sin turnos al la Delegito, kiu laŭokaze lin prezentos al la konsulo de lia fako, al la lokaj Esperantianoj kaj penos ĉiel agrabligi lian haltadon. Fakte, la vojaĝanto ne estos fremda, sed ekster sia propra lando, dank'al la spirito de solidareco, kiu unuigas ĉiujn Esperantianojn.

VIRINOJ.— Oni konas la malfacilaĵojn, kiujn renkontas la sinjorinoj kaj fraŭlinoj, kiuj vojaĝas solaj tra landoj, kies lingvo ne estas sciata de ili. Dank'al U. E. A. tiuj malfacilaĵoj multe plimalgrandiĝas. La membrinoj de U. E. A. nur bezonos skribe antaŭinformi pri la horo de sia alveturo la Deligiton, kiu sendos konsulinon (2) al la stacidomo por akcepti la vojaĝantinon kaj liveri al ŝi la necesajn helpojn kaj konsilojn.

JUNULOJ.— Se studento deziras koni la kondiĉojn de studado en fremdlanda lernejo aŭ universitato, li simple sin turnu al la konsulo por Junuloj de la dirita urbo. Aliparte, multaj junuloj forveturas eksterlanden, ĉu por lerni la enlandan

(1) Ĝisnun ekzistas 40 gvidfolioj ; multaj estas en preparado.
(2) Ekzistas 150 konsulinoj.

lingvon, ĉu por konatiĝi kun la industriaj kaj komercaj metodoj, ĉu por trovi oficon, k. a. ; al ili la konsulo por Junuloj estos utilega ; li donos al ili la bezonatajn informojn, prezentos ilin al samaĝaj enlandaj Esperantianoj, klopodos por ilin laŭeble helpi, tiel ke la enloĝiĝinto konservu pri la vizitata regiono kiel eble plej precizan ideon kaj bonan rememoron.

ESPERANTO-OFICEJO. — En ĉiu loko troviĝas *Esperanto-Oficejo*, t. e. magazeno, ĉe kiu estas alcentrigita ĉio, kio koncernas Esperanton en sama urbo. Tie estas aĉeteblaj kaj mendeblaj ĉiaj Esperantaĵoj ; tie estas aboneblaj ĉiuj Esperantaj gazetoj ; tie estas afiŝataj ĉiuj informoj pri la Esperantista movado ; tie ankaŭ la vojaĝanto, per Esperante redaktita gvidfolio, povas ricevi la plej urĝajn informojn pri la urbo.

Ekzistas nun 150 Esperanto-Oficejoj.

KOMERCO KAJ INDUSTRIO. — Speciala fako de U. E. A. estas dediĉita al tiu gravega parto de la vivo internacia. Ĉiu firmo, societo, hotelo, korporacio, kontoro, aliĝinta al U. E. A. havas la rajton ricevi la jenajn specialajn servojn :

*Reklamo kaj disdonado de reklamiloj.* — En ĉiuj gravaj lokoj niaj reprezentantoj promesis disdoni al la Esperantistoj de sia urbo ĉiujn prospektojn, reklamilojn, katalogojn, prezarojn, kiujn ili ricevos, kondiĉe ke ili estu redaktitaj Esperante kaj senditaj de firmo aliĝinta al U. E. A. Oni tuj komprenos kian profiton ricevos de nun, el vidpunkto de reklamo tiuj komercistoj, kiuj redaktigas Esperante siajn reklamilojn, ĉien disdonotajn per U. E. A. ĝis la plej malproksimaj lokoj.

*Perado por reklamo kaj dungado.* — Tiel same firmestro, komercisto aŭ privatulo, kiu deziras fari reklamon aŭ dungi oficiston, bezonos nur sin turni al niaj Delegitoj, kiuj sen plia pago tradukos nacien la reklamon aŭ peton ricevitan, kaj ĝin presigos en la gazetojn de sia loko.

*Liverado de informoj kaj enketoj.* — Ĉiu firmo aliĝinta la U. E. A. rajtas peti de ĉiuj Delegitoj komercajn kaj industriajn informojn ne konfidenciajn kaj per ili fari enketon, en la plej bona kaj fidinda maniero.

*Juraj informoj.* — Dank'al U. E. A. ĉiu firmo povas senpage ricevi informojn pri ĝeneralaj demandoj pri juro nacia aŭ internacia.

Tiuj tre gravaj specialaj servoj estas farataj al ĉiuj firmoj, institucioj, societoj, korporacioj, kiuj aliĝas al U. E. A. kaj pagas kotizaĵon da nur 5 Sm. La nomoj de tiuj *Esperantiaj entreprenoj* aperas en la Oficiala Jarlibro de U. E. A. kaj per tio estas rekomendataj al la solidareco de niaj membroj.

TURISMO. — En la celo plifaciligi la vojaĝojn, la turisma fako de U. E. A. organizas, speciale por la Esperantaj kongresoj, *karavanojn*, dank'al kiuj ĝiaj membroj povas vojaĝi en multe pli favoraj kondiĉoj. Plie, sub la aŭspicioj de U. E. A. organiziĝas en pentrindaj regionoj *libertempaj kolonioj*, kie

Esperantianoj amike pasigas sian libertempon. U. E. A., kun la helpo de la lokaj grupoj Esperantistaj, zorgas pri la eldonado de *gvidfolioj* pri ĉiuj lokoj kaj instigas al la eldonado de allogaj Esperantaj *gvidlibroj*, kiuj, disdonataj per nia speciala servo, tre multe helpas por konigi en kiel eble plej vasta maniero la vidindaĵojn de sama regiono.

Por stimuli la agemecon de siaj membroj kaj instigi la plej bonajn iniciatojn, U. E. A. ĉiujare organizas por siaj membroj multajn plej diversajn konkursojn kun monpremioj.

* * *

Oni facile povas plimultigi la ekzemplojn pri la utileco de U. E. A. La leganto senpene ilin trovos laŭ la supre diritaj. Sed ĉefe rimarkinda estas la fakto, ke tiuj servoj estas eblaj tuj de nun, dank'al la disvastiĝo de Esperanto kaj la forta organizo de la homoj ĝin uzantaj.

Kvankam fondita antaŭ ne longe, U.E. A. jam estas disvastigata sur la tuta mondo. Je la 1a Februaro ĝi havis Delegitojn kaj Subdelegitojn en pli ol 810 lokoj dissemitaj en 43 landoj kaj 5,500 membrojn. Multenombraj estas jam la personoj, kiuj uzis kaj uzadas ĝiajn servojn por siaj aferoj ; ĉiutage ĝi pligrandiĝas kaj oni povas antaŭvidi ke post malmulte da tempo, la tuta terglobo estos kovrata, kvazaŭ per reto, de ĝiaj Delegitoj kaj Subdelegitoj. *Neniu Esperantisto konscia jam devas resti ekster ĝi.*

* * *

### Socia signifo de U. E. A.

« Esperantismo celas al tio, ke inter la popoloj kreiĝu neŭtrala fundamento, sur kiu la diversaj homaj gentoj povos pace kaj frate interkomunikiĝadi, ne altrudante al si reciproke siajn gentajn apartaĵojn. » (D-ro Zamenhof). U. E. A. liveras tiun *neŭtralan* fundamenton, sur kiu ĉiuj homoj, kiuj iel ajn partoprenas en la vivo internacia, ĉu por ideaj, ĉu por materialaj celoj, povos facile interrilatadi. Per la kreo de servoj internaciaj plej diversaj, U. E. A. plifortikigos kaj plirealigos la solidarecon inter diversgentanoj kaj ĝin konsistigos en la reciproka sinbezonado kaj sinhelpado. Tia estas la interna ideo de Esperantismo, tiel ofte aludita de la kreinto de Esperanto ; al la konkretigo de tiu fruktoriĉa ideo laboraradas U.E. A. Ĝi tiel havas ne nur gravan *praktikan* karakteron, kiun ĝis nun posedis neniu alia internacia institucio, sed plie nedubeblan *homaran* signifon, kiu kun la kresko de ĝia potenco pli kaj pli forte sin trudos al la atento de l'mondo.

### Alta Konsilantaro de U. E. A.

D-ro L.-L. ZAMENHOF, aŭtoro de Esperanto, Honora Prezidanto de U. E. A ;

E. BOIRAC, prezidanto de la Esp.-Akademio :

D-ro MYBS, prezidanto de la Germana Esp. Asocio ;

K-lo POLLEN, prezidanto de la Brita Esp.-Asocio ;
G-lo SEBERT, prezidanto de la Kongresa Komitato.

**Komitato de U. E. A.**

H. BOLINGBROKE-MUDIE, Prezidanto de U. E. A. ;
H. HODLER (Administrado), Vicprezidanto de U. E. A. ;
TH. ROUSSEAU (Financoj) ;
A. CARLES (Konsuloj) ;
P. BLAISE (Esp.-Oficejoj) ;
J. SCHMID (Turismo) ;
D-ro KANDT (Komerco kaj Industrio) ;
F. ROCKMANN (Junuloj).

**ALVOKO**

La esperantistoj, kiuj interesiĝas pri la organizado de U. E. A. en Antverpeno kaj ĉirkaŭaĵoj, estas petataj kunveni je **Mardo, la 10an de Majo** en la **Hotelo Stein**, Alvenejo de Keyser, 74, Antverpeno.

# Tra la mezo de Francujo

(El : « Mia vojaĝo al Barcelono »).

...Je la duono post la dua, la mardon (31an de Aŭgusto 1909), ni alvenis en *Limoges* kie ni promenis ĝis la antikva ĉefpreĝejo kaj la Urbdomo. Ni ree envagonariĝis post du horoj, kaj tuj poste ni havis belan vidaĵon de la tuta urbo, de la rivero Vienne kaj ĝiaj multaj pontoj.

La tuta regiono, kiun ni tiam traveturis, estas tre monta, tre pentrinda. Multegaj tuneloj intersekvas.




Uzerche. — La Kasteloj.

Je la sesa proksimume ni alvenis en *Uzerche*. Poŝtveturilo kondukis nin de la stacidomo al la urbeto. Kiom ĉarma estas Uzerche ! Ĝi elstaras sur monteto, kiun ĉirkaŭas laŭ kapricaj kurbiĝoj la rivero Vézère. La tuta urbeto estas antikva. Multaj grandegaj domoj fiere aperas sur la supro kiel kasteloj ; la stratetoj estas tre mallarĝaj, vere mezepokaj, kaj multaj dometoj ŝajnas vere falontaj. Ankaŭ nia hotelo estas tre antikva, tre kampa ; ĝi aspektas kiel svisa kampodomo, kun ligna balkono kaj per verdaĵo kovrita fasado. En la plej malriĉaj dometoj de Uzerche brilas vespere elektraj lampetoj, kaj ankaŭ la vojoj en la kamparo estas bele elektre lumigitaj. Ni vizitis tiun ĉarman urbeton je l'antaŭvespero, kaj dum la proksima mateno. Kun vera bedaŭro ni forlasis ĝin je la dekunua.

Denove montan regionon ni traveturis, kaj multajn longegajn tunelojn. En Brive ni malsupreniris pro ŝanĝo de vagonaro. Post Brive ni trapasis tunelon de 2260 metroj.

*Rocamadour !* Ni tie alvenis ĉe la stacidomo post la dua. Tri kvaronojn da horo plie ni iris poŝtveturile ĝis la urbeto. Kian belan vojon ni laŭiris, unue supren-veturante ĝis la vilaĝeto l'Hospitalet, kaj poste malsupren sur la kruta vojrando, flanke de profundegaĵo, ĝis la piedo de la ŝtonego sur kiu staras Rocamadour. La granda vilaĝa strato kuŝas malsupre, sed supre sur la monto, aŭ plivole sur kruta ŝtonego kies supraĵo tute antaŭklinas sur la valon, tie elstaras, en nobla fiereco, la kastelo kaj preĝejo de sankta Amadour. Tie, laŭ la legendo, vivis en la unua jarcento la ermito Zachée aŭ St Amadour (Roc-amadour signifas rokamanto). Tiu loko estas unu el la plej malnovaj francaj



Rocamadour.

pilgrimejoj. Vespere, en la mallumeco, la pilgrimantoj supreniras aŭ suprenrampas la monton kun torĉoj. Tiu vidaĵo, oni diras, estas impresa. La preĝejo, kies unu flanko estas la nuda ŝtonego, estas bela kaj stranga. La kastelo servas nun kiel pastrejo. Ĉe la kontraŭa flanko de la valo, sur aliaj krutaj rokoj, oni bone povas admiri la tutan imponantan kaj terurigantan Rocamadour.

Ni ĝin forlasis je la oka vespere por noktloĝi en Villefranche de Rouergue, kie ni forveturis la jaŭdon matene frue, por viziti *Cordes*. Jam de la stacidomo de Vindrac, kie ni elvagonariĝis, ni ekvidis la izolan monteton sur kiu stariĝas Cordes. Unu horon daŭras ankoraŭ la omnibusa veturado ĝis la urbeto. Tre malnova estas Cordes, kun siaj antikvaj pordoj kaj remparoj. En la ĉefa, mallarĝa strato, oni vidas, kiel memoraĵojn el glorplenaj tempoj, la domon de la granda Ĉasestro (grand veneur), de la granda Falkĉasestro (grand fauconnier) — la nunan Urbdomon — kaj de la granda Ĉevalestro (grand écuyer).



Albi. — La katedralo.

Je la unua ni ree forveturis el Vindrac ; post ŝanĝo de vagonaro en Tessonnières, ni estis je la dua kaj duono en *Albi*, kie ni precipe venis por viziti ĝian fame konatan, strangan katedralon. Ĝi estas konstruita per ruĝaj brikoj kaj havas ekstere la aspekton de fortikaĵo. Interne ĝi estas belega, kaj enhavas grandvalorajn artaĵojn.

Post vagonarveturado de du horoj, ni alvenis, je la duono post la oka, en *Toulouse*, kiun ni vizitis la sekvantan tagon.

Toulouse estas granda urbo, sur la bordoj de la Garonne. Ĝi havas tre belan Urbdomon (le Capitole), kiu kovras unu flankon de la vastega Place du Capitole. Ĝi ankaŭ posedas kelkajn rimarkindajn preĝejojn, kaj belajn publikajn ĝardenojn. La Muzeo estas rekonstruita monaĥejo, kun nova parto aldonita. La interna malnova korto estas vidinda.

Je la naŭa vespere ni ankoraŭ forveturis el Toulouse por alveni en *Carcassonne* je la duono post la deka.



Carcassonne. — La remparoj.

Matene, la sabaton 4an, ni vizitis tiun interesegan urbon. Ĝi konsistas el du tre malsimilaj partoj : la malalta urbo, sur la maldekstra bordo de la rivero Aude, kaj la « Cité », sur monteto je la alia bordo.

Tiu « Cité » (civito aŭ praurbo) estas vera kuriozajo. Ĝi estas antikva urbo, tute konservita kaj restarigita kiel ĝi ekzistis en la Mezepoko, kun siaj duoblaj remparoj kaj multegaj rondaj turoj, sia kastelo kaj sia preĝejo. La plej malnova parto datumas de la Va jarcento Nur du pordoj ebligas la eniron en tiun mirinde fortikigitan urbeton, kies antikvaj dometoj estas ankoraŭ enloĝataj, en kies mallarĝaj stratetoj ludas nuntempaj infanoj, kaj virinoj staras sur la sojloj. De la supro de la remparoj oni havas belegan vidaĵon ĝis la montoj Pireneoj.

Ni forlasis Carcassonne kaj ĝiajn vidindaĵojn je la dekunua, por fine alveturi al Barcelono, al la kongreso, al la granda celo de nia vojaĝo !

MARIA POSENAER.

---

## Internacia ekspozicio de Bruselo

La raporto de la loka esperantista komitato alvenis al nia redakcio tro malfrue por enpresigi ĝin en la nunan numeron. Jen tamen la ĉefaj sciigoj :

— Ĉiu esperantisto estas petata sin prezenti al la rendevuo, Nederlanda sekcio, kaj tie sin turni al S-ro Bles, kiu tre kompleze donos al ili ĉiujn informojn pri Esperanto en la ekspozicio kaj pri la esperantista movado en la urbo.

— En Bruselo mem tiu rendevuo estas la hotelo *Moulin d'Or*, 30, *rue d'Assaut*, tutproksime de la esperanto-oficejo, 3, *rue du Bois-Sauvage*.

— La fremdlandaj esperantistoj bonvolu sciigi pri la horo kaj la stacidomo de sia alveno S-ron A. RICHARDSON, *Institut St Louis, rue du Marais, Bruxelles*. Se eble ili estos akceptataj en la stacidomo; ili estas petataj ĉiam porti la verdan stelon, kaj paroli kiel eble plej ofte Esperanton.

— Oni multnombre ĉeestu la paroladon de S-ro CARLO BOURLET (8an de Majo), kaj tiun de S-ro H. HODLER (12an de Majo); tiuj ĉi paroladoj okazos en la ekspozicio mem, je la 4a, tre precize.

## Pri la Unua Internacia Kongreso de la Katolikaj Esperantistoj

**(Parizo, 30 Marto-3 Aprilo 1910)**

En tiu ĉi artikolo mi pritraktos tiun kongreson nur sub vidpunkto esperanta kaj esperantmovada, kaj montros, ke ĝi estas ne nur grava sukceso, sed tute neatendita elmontro de l'Esperanta taŭgeco por plej diversaj altsciencaj demandoj.

Decidita dum la Barcelona, la Pariza kongreso efektive nur komencis esti organizata antaŭ tri monatoj; por tiu, kiu scias iom pri kongresorganizo, la fiasko ŝajnis neevitebla, des pli, ĉar oni devis en sama jaro, postuli de l' kongresanoj, duan grandegan vojaĝon. Ja, por esperi sukceson en tiaj kondiĉoj, oni bezonas la fidon kaj kuraĝon de niaj Parizaj amikoj: Gebaronoj de Ménil, Pastro Duvaux, Sinjoro Colas, kaj la aliaj membroj de l'organiza komitato. Ili fidis, ili laboris senhalte, venkis ĉiujn malhelpojn, kaj la sukceso estis plena, mirinda. Proksimume kvarcent membroj, inter kiuj cento da nefrancaj, kunvenis en Parizo, reprezentante 17 naciojn; la aprobo de Lia Ĉefepiskopa Moŝto Mgr. Amette de Parizo; la solena malfermo kiun faris Monsinjoro Baudrillard, rektoro de l' Katolika Universitato; la ĉeesto de Lia Episkopa Moŝto Mgr. Foucault de Saint-Dié; la Apostola Beno kaj la plena Indulgo kiujn sendis Lia Papa Moŝto Pio X; la partopreno de kvindeko almenaŭ da pastroj; ĉio ĉi donis al la kongreso vere katolike oficialan karakteron.

La kongreso estis prezidata de nia klera amiko, S-ro Pastro Richardson, vic-prezidanto de la Belga Ligo Esperantista.

La kunsidejo en la Katolika Instituto (Universitato), la celmontranta parolado de l' altscienca profesoro Gautherot, la temoj pridiskutotaj, kaj la multnombraj paroladoj plej valoraj sub scienca kaj religia vidpunktoj, alportis al la kongreso la markon de alta scienco. Jen, pri la sukceso. Nun pri la taŭgeco de Esperanto:

Oni ne bezonis esti pesimisto por antaŭvidi jenan rezultaton: Oni legos dum la kongreso temojn plej-zorge pristuditajn lingve kaj enhave; oni zorge evitos la diskutadon, kiun anstataŭos aplaŭda: *tute bone! tute bone!* Aŭ, pro la partopreno de multaj Francoj, la diskutado, balbute komencante en Esperanto, baldaŭ france daŭriĝos.

Granda eraro! Krom la francaj paroladoj de Mgr. Baudrillard, de Profesoro Gautherot kaj de Baronino de Ménil, paroladoj kiuj celis la propagandon ĉe l' neesperantistoj dum du porpropagandaj kunsidoj, ĉio okazis en Esperanto. Estis ja multe da zorge pristuditaj temoj, sed estis ankaŭ, dum la tute ne evitataj diskutoj, tute ne preparitaj paroladoj tutfluaj kaj tre rimarkindaj. Tio okazis precipe, kiam oni pridiskutis la belan raporton de Sinjoro Van Schoor pri la latina elparolado kaj kiam oni pridiskutis la regularon de la Internacia Ligo por dediĉi Esperanton al la servo de l'Eklezio. Tiam oni aŭdis parolantojn el Holando, Francujo, Hispanujo, Aŭstrujo, Anglujo, Italujo, Rusujo, Belgujo, k. c., kaj neeble estis distingi la naciecon de la parolantoj; neeble estis, en tiuj varmegaj opiniesprimoj, trovi ion fremdlingvecan; estis vere kvazaŭ samlingvanoj, tre lertaj interdiskutantaj.

Saman impreson oni sentis dum la interparoladoj en restoracioj, en tramveturiloj, en ekskursoj, k. t. p.

Rimarkinda okazintaĵo: oni tute ne sukcesis kanti kune en latina lingvo, nek *Veni Creator*, nek *Tantum ergo*, sed oni tre facile, kvazaŭ unuvoĉe, kantis la esperantajn kantikojn.

Mi povas konklude rediri, ke la katolika kongreso estis neantaŭvidita elmontro de la taŭgeco de Esperanto por kongresoj internaciaj, kaj por pritraktado de ĉiuspecaj tutmondaj aferoj.

La unua katolika kongreso pruvis al la Esperantistaro ke, se la ĝeneralaj esperantistaj kongresoj estas tre utilaj por konservi kaj kreskigi la fervoron kaj entuziasmon en nia agado, la fakaj kongresoj montras la valoron, la fortecon, la vivecon de la lingvo internacia, ĝian vere praktikan utilecon.

Pro tiu pruvo ni gratulas kaj dankas la kuraĝplenajn organizintojn de tiu kongreso; ni ankaŭ dankas niajn Parizajn fratojn pro la afabla gastameco kiun ni ĉe ili ĝuadis; kaj nun, kun nova espero kaj nova fervoro, ni iru antaŭen al nia celo: la triumfo de Esperanto per uzado praktika.

BELGA ĈEESTINTO.

# ESPERANTO FACILA

## LA KELMIKROBOJ VENOS AL BRUĜO!

Antaŭ unu monato Sinjoro Luptragter, la respektinda profesoro de la Iksurba grupo, vizitis min.

— S-ro Skaldo, li diris je la fino de nia interparolado, antaŭ ol forlasi vin, mi devas ankoraŭ esprimi al vi la plej koran dankon de miaj gelernantoj pro via artikolo « Pri Deziroj ».

— Ĉu mi sukcesis plaĉi ilin?

— Treege! Tamen vi forgesis priparoli unu tre gravan deziron.

— Mi miras, kiun...

— Tiun ĉi: *Mi deziras starigi misteran societon en nia grupo mem.*

— Efektive? Mi bedaŭras, ke manko de loko...

— La forgesitaĵo estas des pli bedaŭrinda, ke tiu ŝajne stranga deziro jam nun plenumiĝis. Ĉu vi nenion sciiĝis pri niaj misteraj kaj famaj kelmikroboj?

— Kion vi diris! mikroboj de kelo?

— Jes, S-ro Skaldo, kaj de kelkaj semajnoj la kelmikroboj estas vere la terurigo de nia grupo. Neniu konas ilin, sed ili konas ĉiun. Ili sendas al ni misterajn sciigojn, ili okupas sin pri la mastrumo (1) de nia grupo, ili disponas kaj decidas pri nia sorto.

— Kiel la itala « nigra mano »?

— Feliĉe, plej ofte, bonfaranta mano. Ekzemple, okaze de ŝia edziniĝo, ili ĉarme donacis (2) belan esperantistinon per belega bukedo. Sed la sekvonta fakto pli klare montras ilian efikan, misteran agon. Nia grupestraro estis reelektota. Du partioj kontraŭstaris, ni diru, juna kaj maljuna. Antaŭ la elekto alvenis al ni ĉiuj informo sciiganta nin: Elektu tiel kiel, tiun kiun, tiom kiom vi volas, la kelmikroboj certigas ke la sekvontaj kandidatoj estos elektataj; nome:

S-ro A. M. (maljuna partio) kiel prezidanto,

S-ro B. S. (juna partio) kiel sekretario, k. t. p.

— Kaj la rezultato de la elekto?

— Pravigis entute la informon de la kelmikroboj.

— Tamen tiuj ĉi devas nepre (3) esti konataj personoj, ili devas havi lokon, kie ili regule aŭ neregule kunvenas?

— Sendube. Sed celante agi mistere, ili kaŝas sin perfekte kaj ne nomas sian kunvenejon. Nur post longa serĉado, ni scias: ke la Kelmikroboj kunvenas en kelo sub iu trinkejo, al kies estro ili neniel pagas luprezon, (4) sed promesis trinki ĉiufoje almenaŭ unu verŝilon (5) da biero; — ke tiu trinkejo staras en iu strato, kie tramveturiloj rulas; — ke ĉiuj mikroboj akceptis kaj obeas fiksan regularon; — ke ilin povas viziti nur fremdurbanoj, kiuj submetas sin je difinitaj kondiĉoj. Unu

el tiuj kondiĉoj estas : alveturi al kaj reveni de Mikrobeoj kun kovritaj okuloj.

— Kia stranga mistereco !

— Al vi mi povas diri, ke oni bezonas sciigi min pri iu proponata vizito.

— Ho ! mi komprenas : vi mem estas unu el la famaj Kelmikroboj !

— Vi eraras. Mi eĉ neniam vidis la misteran kelon, sed mi, kaj mi sole, scias al kies zorgoj mi povas sendi vizitontajn fremdurbanojn. Kaj se vi, ekzemple...

* * *

Jam la sekvontan sabatvesperon, je la naŭa, mi alvenis en la stacidomo de Iksurbo.

Mia scivolo (6) estis grandega ! Mi do tuj eliris el la stacidomo, kaj, laŭ interkonsento, mi direktis miajn paŝojn maldekstren, al la tria stratlanterno, kie mi atendis, tenante du fingrojn de la dekstra mano sub sub mia verda bruststeleto. Baldaŭ luveturilo sen numero haltis antaŭ mi kaj el ĝi saltis junulo, vestita per studenta ĉapo, kiu ĝentile demandis :

— Ĉu mi havas la honoron paroli kun S-ro Skaldo, kiu deziras viziti la Kelmikrobojn ?

— Jes, Sinjoro.

— Ĉu vi interkonsentas pri ĉiuj kondiĉoj ?

— Mi konas kaj mi respektos ilin.

— Bone ! — Veturigisto, vi konas la vojon, antaŭen !

Tirante min en la internon de la veturilo, li kovris preskaŭ mian tutan vizaĝon per longa dika, nigra tuko, tiel ke mi neniel povis vidi.

Tiamaniere mi faris misteran vojaĝon dum kelkaj minutoj, kiuj laŭ mi similis je eterneco. Mi nur aŭdis la bruon de veturiloj ; de iu kriisto antaŭ kinematografejo, de preĝejaj (7) sonoriloj...

Fine, nia veturilo haltis, ni leviĝis, kaj mia kunvojaĝanto gvidis min, dirante : « Nun atentu, S-ro, eliru..., supreniru..., marŝu antaŭen..., malsupreniru..., ankoraŭ..., nun sidiĝu. »

Mi agis laŭ tiuj konsiloj ; poste mi aŭdis profundan voĉon :

« Bonvenon al vi, vojaĝanto ! Kaj nun faru agon, kiun malfeliĉe multe da homoj neniam faros : malkovru viajn okulojn ! ne estu plu blinda ! »

Mi forprenis la dikan tukon de miaj okuloj kaj ekrigardis scieeme, tre mirante (8).

Mi estis en granda kelo kun malalta plafono, ĉe kiu kelkaj verdaj Veneziaj lanternoj pendis, kiuj ĵetis sur la scenon strangan palan lumon. Antaŭ mi staris longa, per verda tuko kovrita tablo, malantaŭ kiu sidis senmove kaj silente dudeko da personoj verde maskitaj, kaj vestitaj per longaj, larĝaj

verdaj domino'oj ; du tiaj personoj staris flanke de mi. Mi ne vidis mian gvidinton.

La muroj kaj plafono de la kelo estis kovritaj per nigra papero (brrr !...) en kiu, super ni tamen brilis multaj verdaj steloj : tio estis do vere alegorio de Esperanto en la mondo.

Post la unua momento de mia mirado, mi klinis la kapon kaj diris kuraĝe :

« Bonan vesperon al vi, samideanoj ! Nu, ĉu vi estas la famaj Kelmikroboj ? »

Sed nur la sama profunda voĉo eliĝanta inter verda masko kaj plena nigra barbo, vera aŭ falsa, la voĉo de la Kelmikrobestro, — sendube, ĉar li sidis en la mezo de la maskitoj — respondis :

Sinjoro Skaldo, la Kelmikroboj nur povas parolis kiam vi estas regule akceptita. Gardistoj, faru vian devon ! »

Mia miro pligrandiĝis, kiam miaj du najbaroj senĝene fortiris miajn botetojn kaj ŝtrumpetojn, alportis kuvon (7) da akvo, kaj kvazaŭ laŭ tre malnova, respektinda, patriarka kutimo, lavis miajn piedojn per spongoj !.. Poste ili sekigis miajn piedojn kaj revestigis ilin.

Tiam la Kelmikrobestro prenis verdan verŝilon, starantan sur la tablo, kaj verŝis ŝaumantan bieron en grandan belan kornon, kiun li prezentis al mi, dirante :

« Nun, S-ro Skaldo, trinku kun ni la trinkon je samideaneco ! »

Mi trinkis kaj pasigis la kornon al la aliaj, kiuj faris ankaŭ tiele, dum ili hore, tenore kaj base, kantis kaj rekantis :

« Li vivu, li vivu, nia Zamenhof ! »

De nun, mi sentis min tute hejme. Mi eĉ komprenis ke Esperantistoj, pro sia internacia naturo, rajtas (10) alpreni ĉiun ajn internacian kutimon novan aŭ malnovan.

Ree mi aŭdis la seriozan voĉon de la estro :

« S-ro Skaldo, regulare vi devas nun respondi tri demandojn. Do unue : Kial la Kelmikroboj laboras mistere ? »

Post duminuta pripenso, mi respondis :

Tiel kiel nekonataj malamikoj povas fari la plej grandan malbonon, inteligentaj, nekonataj amikoj povas utilegi al Esperanto per trankvila, lerta laboro. Plie, mi vidas ke, per sia originaleco, la Kelmikroboj ne forgesas kunigi agrablon kaj utilon.

— Kiu propagando por Esperanto estas pli efika, tiu inter viroj, aŭ tiu inter virinoj ?

— La lasta, sendube. Ĉar virino estas pli tuŝebla spirite kaj kore per fajra parolado ol viro ; ŝi okupas sin pli serioze pri nova afero ol la jam tre okupata viro ; ŝi influas sur sian socian mezon kaj sur la estonton.

— Ĉu Esperanto havas lingvan aŭ religian karakteron ?

— Ambaŭ. Ĝi estas lingvo, kiu, pro sia mirinda simpla kunmeto naskas fidon kaj religian entuziasmon ĉe siaj anoj,

kiuj, dank'al tiuj ecoj, propagandas ĝin kaj eĉ morale batalas por ĝi. Ĝi ne havos plu religian karakteron, kiam ĝi praktike regos la internaciajn rilatojn en la tuta mondo.

Aplaŭdoj salutis mian lastan respondon. Post mistera voĉdono, mi aŭdis solenan deklaracion de la sekretario, nomata S-ro Bacilvirgulo :

« S-ro Skaldo, de nun vi estas honora membro de nia fama klubo, kiu baldaŭ havos membrojn kaj korespondantojn en ĉiu granda urbo de la tero. Ke via laboro prosperu, por la bono de Esperanto ! Je via sano, S-ro Skeldmikrobo ! »

Mi do, tiel kiel ĉiuj membroj, ricevis societan nomon. Ree ni trinkis je frateco, kaj, dum la kantado de la Esperanta himno, ĉiu klubano premis mian manon. Poste, oni sidiĝis por okupi sin pri la vesperorda demando : Kiamaniere la Kelmikroboj suksesos aliĝigi la ĉi tieajn ĵurnalredaktorojn al la Esperanta movado ?

Sed, ĉar mi deziris forveturi kejmen per la lasta vagonaro, mi sciigis mian intencon kaj adiaŭdiris. Tiam aperis mia kondukinto, kiu, blindiginte min, ree iĝis mia kondukonto.

En la veturilo, kiu rapidis al la stacidomo, mi vane provis paroligi mian gvidanton. Nur, kiam ni disiĝis, li murmuris ĉe miaj oreloj :

— Se okaze, dum la Bruĝa kongreso, io neatendita okazus, rigardu bone ĉirkaŭ vin ! Se, dum la vespero aŭ nokto, ia surprizo ĝojigus la kongresanojn, se...

— Ho ! mi komprenas, la Kelmikroboj venos al Bruĝo !

— Ili ĉiuj ĉeestos la kongreson. Sed, mi petas, pri tio parolu al neniu.

— Tion mi promesas... Adiaŭ !

(Kaj mi restis fidela laŭ mia promeso : mi nur.. skribis pri la afero ; la Kelmikroboj bonvolu senkulpigi min !)

SKALDO.

---

*Klarigoj :* 1) mastrumo, huishouden, ménage, — 2) donaci, beschenken, faire cadeau de, — 3) nepre, volstrekt. absolument, — 4) luprezo, huurprijs, loyer, — 5) verŝilo, gieter, arrosoir. — 6) scivolo, nieuwsgierigheid, curiosité — 7) preĝejo, kerk, église ; — 0) miri, zich verwonderen, s'étonner, — 9) kuvo, kuip, cuvelle ; — 10) rajti, het recht hebben, avoir le droit.

## ESPERANTO SUR LA SCENEJO

Dum la lasta vintra sezono, la 22an de Novembro 1909, certe unuafoje en « Muzik-halo », oni parolis la lingvon de Zamenhof.

Okazis la jeno en la Pariza « Folies Bergère ».

La tre spritaj parodiistoj « Schwartz brothers », en nigraj kostumoj, ornamitaj per verdaj steloj, jus klarigis siajn ekzercojn, parolinte — oni devas tion konfesi — tre malbone la francan lingvon, kiam unu el ili havis subitan ideon :..

« Vi tro malbone parolas france, parolu esperante ! » « Sed », diris la alia, « ĉu oni komprenos nin ? » — « Jes, certe, perfekte, » kriis multaj voĉoj inter la aŭskultantoj. Montriĝis, ke multaj esperantistoj ĉeestas la prezentadon. Kaj unu el la fratoj Schwartz kun serioza mieno diras : « Gesinjoroj, la parodiŏj kiujn ni havos la honoron prezenti al vi estos, la unua, parodio de rusaj dancistoj, la dua, akrobata parodio. » Kaj al la rusa melodio de la danco ili kantis priesperantan kanton :

Dank' al Esperanto
Vin salutas ni,
Kaj per tiu bela lingvo
Nin aplaŭdu vi !

La esperantistoj ĉeestantaj, ne nur Francoj sed Rusoj, Germanoj kaj eĉ Brazilano kaj Greko, faris al ili grandan sukceson, kaj la aliaj ĉeestantoj, unue mirigitaj, baldaŭ tre aplaŭdis la esperantistajn artistojn.

*
* *

En la humora teatraĵo de S-ro Serge Basset, « Les petites femmes », prezentita en la « Théâtre Michel », unu el la aktoroj parolas Esperanton en sia rolo.

Oni jam konstatis la saman fakton dum la monato de Aprilo 1909, en la teatro « Grand Guignol » kiam oni parolis Esperanton en unu el la roloj de « Bigame ».

*
* *

La muzik-halo « Olympia », Boulevard des Capuçines en Parizo, publikiĝas en siaj programoj tre interesan priskribon de la prezentado, redaktitan france, angle, germane kaj **esperante**.

Signoj de la tempo !

---

# HUMORAĴOJ

## LA MUSOJ

Ian tagon barbiro razis bonan, sed tre naivan kamparanon, kiu plendis, ĉar la musoj ruinigas liajn grenejojn.

— Pro tio vi plendas ! diris la barbiro. Se mi havus musojn mi estus tre feliĉa, mi nepre bezonas da ili. Kaptu kelkajn musojn por mi, kaj mi pagos ilin po unu franko ĉiu.

— Bona afero ! pensis la kamparano. Kaj kredante la proponon de la barbiro seriozan, li kaptis en sia domo multe da musoj, metis ilin en kaĝon, kaj fiere kiel Artabano, portis la bestojn al la barbiro.

— Jen la musoj, li diris. Vi ŝuldas al mi dudek frankojn.

Sed la barbiro estis forgesinta siajn petolajn vortojn kaj estis unu momenton tre embarasata. Subite venis al li ideo...

— Ĉu estas virbestoj, viaj musoj ? li demandis.

— Ho, tion mi ne esploris, respondis la kamparano.

— Se estas tiel, diris le barbiro, ili ne povas utili al mi. Forportu ilin tuj. Mi bezonas nure virmusojn.

La kamparano ekvidis, ke la barbiro lin mokas, kaj ekkriis :

— Forporti la musojn ? Neniam ! Mi preferas lasi ĉiujn al vi senpage.

Kaj malfermante la kaĝon, li liberigis la bestojn kiuj ĉiuloken trakuris la domon de la barbiro.

Ne bezonas esti aldonate kiu el ambaŭ ridis, la barbiro aŭ la kamparano.

Manjo.

KLARE

— Sendube, via kampobieno estas ĉarma. Sed, ĉu vi ne kelkfoje enuas ?

— Ho tute ne, mi nur tre malofte havas vizitantojn.

SINGARDE

*Ŝi* (maljuna fraŭlino). — Kia agrabla vespero ! Kia hela luno !... Kiel ĉarme eksonas la kantado de la najtingalo....

*Li*. — Certe, fraŭlino. Sed... edziĝi mi ne intencas.

## PROBLEMOJ (1)

I. — **Al ĉiu el sekvantaj vortoj** : Ano — romo — karpo — feston — revo — aveno — voli — nigro

Aldonu taŭgan literon, por formi, per anagramo, novajn vortojn, kiuj signifos :

Parto de la vizaĝo — estaĵo de la *Kankroĝento* — hoko — manĝado — organo de senteco — en ujo — frukto — parto de la mano.

La aldonitaj literoj, laŭorde legitaj, donos nomon altege estimatan de la Esperantistoj.

II. — En tiuj-ĉi frazoj, kelkaj vortoj estas anstataŭitaĵ per nombroj, kies ĉiu cifero figuras ĉiam la saman literon. Trovu tiujn vortojn, por restarigi la tutan sencon.

Respektinda 1 2 3 4 5 6 5 3 9, kiam vi estis 4 5 6 2, vi fervore ĝuis ĉiujn bonaĵojn, ĉiujn belaĵojn de la vivo. 5 6 5, ho ve, la 3 5 1 9 de la suno ŝajnas al vi malplihela ; la tiom ŝatitaj 7 8 9 4 de la eksteraĵoj ŝajnas al vi kvazaŭ 6 5 3 2 4. Antaŭe, vi entuziasme kuris al la estonto : 6 5 6, vi 3 2 8 7 paŝadas, tre rigardante la pasinton. Tia estas 4 2 la natura malgajeco de la 1 2 3 4 5 6 7 8 9.

III. — Vidas birdojn
arbo
mi

Plantano.

(1) Oni sendu la solvojn antaŭ la 15a de Septembro al S-ro **Fr. Schoofs**, sekretario de la Redakcio 49, Kleine Beerstraat, Antwerpen (49, rue de la Pte Ourse, Anvers), Prefere skribitajn sur poŝta karto. Oni povas ankaŭ sendi la solvojn de la antaŭe aperintaj problemoj.

En la lasta numero de la 2a jarkolekto B. E. publikigos la nomojn de la solvintoj. Oni povas respondi pseŭdonime.

Belaj premioj estos aljuĝataj.

# La Fluganta Brigado

PROJEKTITAJ EKSKURSOJ

*Dimanĉon, 22an de Majo,* je la 2a ptm. Kunvenloko : apud la Nacia Banko, Alvenejo de l'Artoj. *Ekskurso al Meĥleno,* laŭ Liero kaj Duffel ; reveno laŭ Waalhem kaj Kontich.

*Dimanĉon, 29an de Majo,* je la 2a ptm. Kunvenloko : apud la Nederlanda Teatro, Alvenejo de la Komerco. *Ekskurso al Wuustwezel* (26 km.) ; reveno laŭ Brecht, Westmalle, Wijnegem.

*Dimanĉon, 5an de Junio,* je la 1a ptm. Kunvenloko : apud la Nederlanda Teatro, Alvenejo de l' Komerco. *Ekskurso trans la Belga-Holanda landlimo al Putte kaj Hoogerheide* (33 Km.) ; reveno laŭ Ossendrecht, Zandvliet, Berendrecht, Oorderen, Wilmarsdonk kaj Eekeren.

---

## DIVERSAJ INFORMOJ

**La sesa internacia kongreso de Esperanto.** — La organiza komitato de la sesa internacia kongreso dissendis sian unuan cirkuleron, kiu, pro manko de loko, ne povas esti plene enpresigata en la nuna numero.

Ĝia ĉefa enhavo estas la jena :

La kongreso okazos en WASHINGTON, de la 14a ĝis la 16a de Aŭgusto 1910.

La kongreskartoj povas esti aĉetataj de nun po 5 dolaroj (10 Sm.). Al ĉiu ĉeestanto de la kongreso, kiu venos el alia mondparto ol Nord-Ameriko, la kasisto repagos 1 1/2 dolaron (3 Sm.). La diritaj kartoj estas mendotaj en la Sekretariejo de la kongreso (S-ro EDWIN REED, Chamber of Commerce, Washington) aŭ en la ESPERANTISTA CENTRA OFICEJO, 51, rue de Clichy, Paris.

La komitato organizos literaturan konkurson, kies programo estas :

Ĉiu manuskripto juĝota de la kongresaj juĝantoj devos esti ricevita en Washington antaŭ la 1a de Julio, 1910. La Organiza Komitato proponas la jenajn temojn kaj donacos medalojn al la premiitoj :

1. Por la plej bona prozaĵo (de 1000-2000 vortoj) pri Universala Frateco.
2. Por la plej bona poezio (de 20-25 linioj) pri Universala Frateco.
3. Por la plej bona rakonto (prozaĵo originala de 2500-3000 vortoj).
4. Por la plej bona rakonto (prozaĵo originala de 2500-3000 vortoj) verkita de junulo aŭ junulino inter la aĝoj de dekkvin kaj dudek jaroj.

Adreso : D-ro Ivy Kellerman-Reed, The Lamont, Washington.

Belaj festoj kaj ekskursoj enkadrigos la kongreson.

La restado en Washington ne nestos multekosta ; oni havos bonan loĝadon kaj manĝadon por 6-8 Dolaroj (12-16 Sm.) por unu semajno.

La vojaĝkosto de Eŭropo ĝis Nov-Iorko estos proksimume 50 dolaroj 100 S m.). De Nov-Iorko ĝis Washington la unuaklasa kupono kostas 5 dolarojn (10 Sm. ) ; rabato estos aranĝata por la kongresanoj.

— **Tria kongreso de la federacio de la grupoj esperantistaj de NORDFRANCUJO** (Nord, Pas-de-Calais, Somme).

B. E. vokas la atenton de siaj legantoj, sur tiun kongreson, okazontan en **Amiens**, la 5an de Julio 1910.

Espereble, nia lando tie estos reprezentata de kelkaj el siaj samideanoj, kiel okazis en Armentières (1908) kaj Condé (1909).

La komitato deziras ke la esperantistoj, kiuj intencas favore respondi ĝian alvokon, de nun sendu sian aliĝon, kune kun la kotizo (5 frankoj), kiu rajtigas partopreni en ĉiuj kunvenoj, festoj kaj en la festeneta kunmanĝo.

Por pliaj informoj oni bonvolu sin turni al S-ro CHARLET, sekretario, 50, rue Jeanne d'Arc, AMIENS.

—**Internacia ligo de la esperantista preslaboristaro.**— La esperantistoj kiuj sin interesas pri tiu ĉi ligo ricevos ĉiujn dezirindajn informojn skribante al S-ro LUIS CARLOS, ĝenerala sekretario, 7, rue Rollin, PARIS.

—**Ĉefeĉaj Ŝlosiloj.**— La internacia propagandejo esperantista kiu eldonas la Ĉefeĉajn Ŝlosilojn estos nun direktata de sendependaj kuratoroj kun estraro elektita de Brita Esperanto-Asocio. Ĝia nova adreso estas 135, High Holborn, LONDON, W. C. La Ĉekbanko Esperantista tamen estas ankoraŭ en Merton Abbey.

—**Esperanto en la Junularo.** S-roj LOUIS VAN AUBEL kaj SIMON VATRIQUANT, el Lieĝo, dezirante krei ligilon inter la ĉiulanda junularo, laboras por la starigo de Tutmonda Asocio de Junuloj. Por efike sukcesigi sian projekton ili petas ĉiujn samideanojn, kiuj interesiĝas pri tiu movado konigi al ili siajn opiniojn kaj kritikojn pri ĝi kaj ankaŭ respondi plej baldaŭ la jenan demandaron :

1) Ĉu ekzistas en via urbo grupo de junuloj aŭ junulinoj ? Se jes, bonvolu skribi al ni la nomojn kaj adresojn de ĝiaj komitatanoj, la nombron de ĝiaj membroj kaj aliajn informojn pri ĝi.

2) Se grupo ne ekzistas, ĉu estas en via urbo junaj esperantistoj ? Sciigu al ni iliajn adresojn. Ĉu ili povus fondi grupon ?

Ĉu vi opinias ke, okaze de la IIa Belga Kongreso Esperantista (en Bruĝo, 15a-16a de Majo 1910), oni povus fondi Belgan Federacion de Junaj Esperantistoj, aŭ diskutigi almenaŭ tiun temon por prepari la fondon de tiu Federacio ?

Adreso : S-ro Louis Van Aubel, 40, rue sur la Fontaine, LIÉGE.

— **E.Boirac.** PLENA VORTARO. — Ĵus aperis la *Dua Parto* de la *Plena Vortaro Esperanto-Esperanta* kaj *Esperanto-franca* de Rektoro BOIRAC, entenanta la literojn L kaj sekvantajn ĝis Z. — Oni povas de nun mendu ĝin de la Presejo *Darantiere*, DIJON. Côte d'Or, Fra cujo, kaj de ĉiu esperantista librovendejo en ĉiu lando.

Prezo de la *Dua Parto* : 4 fr. 50. (Afrankite).

Prezo de la *Plena Vortaro* (1a kaj 2a partoj) : 9 fr. (afrankite).

Ĉiu aĉetinto de la *Plena Vortaro* havos la rajton ricevi *senpage* apartan foliaron, tre baldaŭ aperontan, en kiu troviĝos, kune kun listo de *Korektoj* (preseraroj, ne sufiĉe ĝustaj aŭ precizaj difinoj, ktp), *Aldono* enhavanta ĉiujn novajn vortradikojn ĉerpitajn el la plej freŝdataj *Vortaroj*, eĉ aperintaj dum la presado de la *Plena Vortaro*, nome *Esperanto-Rusa* de D-ro ZAMENHOF *Esperanto-Franca* de ROBERT, *Pola-Esperanto* de GRABOWSKI, *Itala-Esperanto* de MEAZZINI, ktp.

---

# Het Esperanto in den Vreemde

**BOHEMEN**. — Het landelijk congres der Boheemsche esperantisten zal dit jaar te PILSEN plaats hebben.

**DENEMARK**. — Te Sundsvall heet een der voornaamste koffiehuizen der stad « Kafejo Esperanto ».

— In Kopenhage heeft de Deensche Vredesvereeniging zich bij de « Esperantista Konversacio Klubo » aangesloten.

— In het lieve steedje Esbjerg werd onlangs een esperantische groep gesticht.

# L'Esperanto à l'Étranger

**BOHÈME**. — La congrès régional des espérantistes de Bohême aura lieu cette année à PILSEN.

**DANEMARK**. — A Sundsvall on a donné le nom de « Kafejo Esperanto» à un des plus beaux cafés de la ville.

— La société danoise pour la propagation de la Paix vient de s'affilier à l'« Esperantista Konversacio Klubo ».

— Dernièrement a été fondé un groupe espérantiste dans la charmante petite ville d'Esbjerg.

**DUITSCHLAND.** — De Duitsche pers gaat voort met hare belangstelling in onze beweging te betoonen. *Sächsische Blätter* bevat een geestdriftigen oproep aan de vrouwen, vooral met het oog op de invoering van onze taal bij de scholen. Eveneens verschenen zeer opgemerkte artikelen in het geïllustreerd katholiek tijdschrift *Stadt Gottes*, in de *Allgemeine Zeitung* (Tilsit) en in het te Berlijn verschijnend blad *Jugend*.

— Te Bamberg geeft de heer post-inspecteur Reber lessen van Esperanto aan 13 zijner collega's van het hooger bestuur ; in het handelsverbond voor vrouwelijke bedienden worden leergangen ingericht door Mej. Wolfson ; de heer telegraaf-adsistent Hentze onderwijst te Dusseldorf Esperanto aan de klerken van het telegraafwezen.

— Groepen werden gesticht en leergangen geopend te Bayreuth, Berlijn, Chemnitz en omstreken, Dresden, Halle, Hamburg, Altona, Hannover, Kaiserslautern, Leipzig, Liegnitz, Moers, Morchenstern, Schmölln, Wiesbaden en Zwickau.

— Een inlichtings- en propagandabureel werd ingericht te München, Türkenstrasse, 95, I.

— De heer Oberbürgermeister Hofraad Wolfram-Augsburg heeft het eerevoorzitterschap van het Duitsch Esperanto-Congres (Juli 1910) aangenomen.

**FRANKRIJK.** — Een zeer degelijke propaganda wordt in het Fransche leger gemaakt door het blad *Armée Moderne*, hetwelk eenen leergang van Esperanto geopend heeft. De opstelraad van *Armée Moderne* bevat een groot getal verkleefde esperantisten. In *Armée et Marine* wordt de opname der lessen van Esperanto voortgezet.

— Een welgelukt feest vereenigde op 3n Maart de esperantisten van «Paris-Centre» in de «Salons Lacoste» waar de revue « Paris Centr' ouv' bien» een geestdriftigen bijval genoot.

— Een andere revue met esperantische strekking «en un acte et en vert», werd door de esperantisten van Brienne-le-Château opgevoerd. Het feest lukte volkomen ; 31 nieuwe leden lieten zich inschrijven.

— Na een uitmuntende voordracht door den heer kapitein Bayol te Compiègne gegeven, werd in het stedelijk college een leergang van Esperanto geopend, die door een groot getal jonge studenten wordt bijgewoond. Eveneens deed Esperanto zijne intrede bij het hooger handelsinstituut te Hâvre, waar op 2n Maart eene reeks lessen ingericht werden.

— De esperantische beweging onder de Fransche jongelingschap wint voortdurend veld en breidt zich uit

**ALLEMAGNE.** — La presse allemande continue à s'intéresser au mouvement espérantiste. *Sächsische Blätter* publie un appel enthousiaste adressé aux femmes, surtout en vue d'obtenir l'introduction de l'Esperanto dans les écoles. Très remarqués ont été les articles publiés par le journal illustré catholique *Stadt Gottes*, ainsi que ceux parus dans *Allgemeine Zeitung* (Tilsit) et *Jugend* (Berlin).

— A Bamberg M. Reber, inspecteur des Postes, donne des leçons d'Esperanto à 13 de ses collègues de l'administration supérieure ; dans la ligue commerciale des employées, des cours ont été oganisés par Mlle Wolfson ; M. Hentze, assistant des télégraphes à Dusseldorf, enseigne l'Esperanto aux employés de son administration.

— Des groupes ont été fondés et des cours ont été ouverts à Bayreuth, Berlin, Chemnitz et environs, Dresde, Halle, Hambourg, Altona, Hanovre, Kaiserslautern, Leipzig, Liegnitz, Moers, Morchenstern, Schmölln, Wiesbade et Zwickau.

— Un bureau de renseignements et de propagande a été fondé à Munich, Türkenstrasse, 95, I.

— M. le premier bourgmestre Wolfram Augsburg, conseiller de la Cour, a accepté la présidence d'honneur du Congrès des espérantistes allemands (juillet 1910).

**FRANCE.** — Une propagande très efficace est faite dans l'armée française par le journal *Armée Moderne*, qui publie un cours d'Esperanto. Le conseil de rédaction d' *Armée Moderne* contient de nombreux espérantistes dévoués. La publication des leçons d'Esperanto dans *Armée et Marine* continue régulièrement.

— Une fête bien réussie réunit le 3 mars dernier les espérantistes de Paris-centre dans les Salons-Lacoste, où la revue « Paris Centr' ouv' bien » remporta un succès enthousiaste.

— Une autre revue à tendances espérantistes « en un acte et en vert », fut joué par les espérantistes de Brienne-le-Château. Le succès de la fête fut complet ; 31 nouveaux membres se sont fait inscrire.

— Après une excellente conférence donnée à Compiègne par M. le capitaine Bayol fut ouvert au Collège municipal un cours d'Esperanto, suivi par de nombreux jeunes étudiants. L'Esperanto a également fait son entrée à l'institut supérieur de commerce du Hâvre, où on a commencé une série de leçons le 2 mars.

— Le mouvement espérantiste parmi la jeunesse française continue à gagner du terrain et s'étend à Mar-

te Marseille, Charleville, Rijsel, Armentières. Saint Flour en Lyon.

**ITALIE.** — Een esperantische groep werd onlangs te Florence geopend.

— Het blad *Notizie Esperantiste* houdt op te verschijnen en wordt vervangen door het maandschrift *Itala Esperantisto*, met Italiaanschen en Esperanto tekst : Adres der redactie : 6, via S. Agostino, Palermo. Abonnementsprijs Sm. 1.70.

Wij wenschen onzen nieuwen confrater een lang en voorspoedig bestaan.

**MEXICO.** — Esperanto wordt onderwezen in verscheidene scholen te Tezitlan.

— Het te Matchuala verschijnende weekblad *El Heraldo* bevat eene reeks bijdragen over Esperanto.

**OOSTENRIJK.**— Op 16n Mei zal te Weenen het eerste Oostenrijksch congres plaats hebben onder den naam van «Unua tutraŭstria Esperanto-Tago». Adres van het inrichtend comiteit : Kafejo Esperanto, Stubenring, 18, WIEN I.

— In het « Militär Kasino» te Weenen hield de heer kapitein Engel een zeer belangrijke voordracht over Esperanto en dezes nut bij het Leger.

—In *Neuigkeits Weltblatt* (Weenen) verschijnt een kursus van Esperanto,

**SAMOS.** — Het Maartnummer van *Greklingva Esperantisto* bevat een relaas van het Esperantisch bal, dat op 13n Februari j. l.. door de Samosa Esperantista Societo werd ingericht.

Z. D. H. Prins Andreo Kopasis, eere-voorzitter der S. E S. en H. D. H.de prinses Helena, beide een prachtig esperantisch eereteeken dragende, vereerden het feest met hunne tegenwoordigheid.

Onder de aanwezigen bevonden zich de consuls van Spanje, Italië en Duitschland ; de senator van het hoofddistrikt, de kommandant van de Ottomaansche legerafdeeling met zijnen staf, de kommandant van het Turksch oorlogschip met de officieren, de magistraten, de opperkommissaris van policie en vele andere notabelen der stad.

Het dansfeest, dat ongemeen vroolijk was, duurde tot aan het krieken van den volgenden dag.

Deze hooge waardeering van de esperantische zaak vereert het lieve eiland, dat het levenslicht schonk aan Pythagoras.

**SPANJE.**— Het geïllustreerd dagblad A B C, dat in Spanje een groote verspreiding geniet, bevat eene reeks artikels over Roode-Kruis en Esperanto, geschreven door den heer kolonel Roman Ayza. Aan dezen wakkeren pionier is men talrijke artikels

seille,Charleville, Lille, Armentières, Saint Flour et Lyon.

**ITALIE.** — Un groupe espérantiste vient d'être fondé à Florence.

— Le journal *Notizie Esperantiste* a cessé de paraître et sera remplacé par la revue mensuelle *Itala Esperantisto*, avec texte en italien et en Esperanto. Adresse de la rédaction : 6, via S. Agostino, Palermo. Prix de l'abonnement : Sm. 1.40.

Nous souhaitons à notre nouveau confrère une existence longue et prospère.

**MEXIQUE.** — L'Esperanto est enseigné dans plusieurs écoles àTezitlan.

— Le journal hebdomadaire *El Heraldo*,qui paraît à Matchuala, publie une série d'articles sur l'Esperanto.

**AUTRICHE.** — Le 16 mai aura lieu àVienne le premier congrès autrichien sous le nom de «Unua tutaŭstria internacia Esperanto-Tago. Adresse du comité d'organisation : Kafejo Esperanto, Stubenring, 18, WIEN, I.

— Au casino militaire de Vienne M. le capitaine Engel a donné une conférence très intéressante sur l'Esperanto et son utilité pour l'Armée.

— *Neuigkeits Weltblatt* (Vienne) publie un cours d'Esperanto.

**SAMOS.** —Le numéro de mars de *Greklingva Esperantisto* contient une discription du bal espérantiste, organisé le 13 février dernier par la Samosa Esperantista Societo.

S. A. S. le prince Andreo Kopasis, président d'honneur de la S. E. S. et S. A. S. la princesse Hélène, portant tous deux un superbe insigne espérantiste, honorèrent la fête de leur auguste présence.

Parmi les assistants se trouvèrent les consuls d'Espagne, d'Italie et d'Allemagne, le sénateur du district principal, le commandant du détachement militaire ottoman avec son état-major, le commandant du navire de guerre turc et ses officiers, les magistrats, le commissaire de police en chef et beaucoup d'autres notables de la ville.

Le bal, qui fut tres animé, dura jusqu'à l'aurore.

Cette haute appréciation de la cause espérantiste honore la charmante île, qui donna le jour à Pythagore.

**ESPAGNE.** — Le quotidien illustré A B C, qui est très répandu en Espagne, contient une série d'articles sur la Croix-Rouge et l'Esperanto, écrits par M. le colonel Roman Ayza. A ce vaillant pionnier sont dûs de nombreux articles publiés par la pres-

over Esperanto verschuldigd, die door de Madridsche pers werden opgenomen ; hij geeft daarenboven onderwijs in Esperanto bij het Wetenschappelijk en Letterkundig Atheneum te Madrid.

**VEREENIGD-RIJK.**— Zooals in verscheidene andere landen, toonen zich in het Vereenigd-Rijk de tijdschriften voor geneesheeren zeer genegen aan het Esperanto ; onder deze melden wij *The Homoeopatic World* en *Nursing Notes.* Daarenboven verschenen artikels gunstig aan onze zaak in *British Sea Anglers* (van onzen goeden vriend Mudie), *Quaterly, The Saturday Journal* (Londen), *The Queronian* (Queen's Road), *Newcastle Daily Journal, Keighley News, Portsmouth Times, Evening News,* (Portsmouth), *Hampshire Telegraph, Irish Independant* (Dublijn), *en Freeman's Journal* (id.)

— Welgelukte esperantische feesten hadden plaats te Londen en dezes omgeving(Buckhurst Hill, Emmanuel, Peckham) — Keighley, St Helens, Sheffield, Truro en Glasgow.

— De propaganda wordt overal duchtig voortgezet en Esperanto werd ingevoerd bij verscheidene onderwijsgestichten, z. a. te Durrington. Huddersfield, Stockport en Dublijn.

— Uit «Greater Brittannia » komen bemoedigende berichten. De heer kolonel Pollen heeft een degelijke propaganda gemaakt op zijne reis naar Indië. Hij hield verscheidene voordrachten aan boord van het schip *Mongolia,* alsook te Aden, waar eerlang eene groep zal gesticht worden.

— Esperanto is zeer bloeiend te Melbourne. De 50e verjaardag van Dr Zamenhof werd aldaar herdacht door een schitterend feest, hetwelk in Independent-Hall plaats had, en door meer dan 350 personen werd bijgewoond.

— Te Durban, in Natal, vierde op 21n Februari de groep *Natala Verda Stelo* den verjaardag van hare stichting. Ook in deze stad werd op 15n December het Zamenhoffeest gevierd.

se madrilène ; il enseigne en outre l'Esperanto à l'Athénée scientifique et littéraire de Madrid.

**ROYAUME-UNI.**— Comme ceux de divers autres pays,les journaux médicaux se montrent très-symphatiques à l'Esperanto ; parmi ceux-ci nous mentionnons *The Homœopatic World* et *Nursing Notes.*

— D'autres articles favorables à notre cause ont paru dans *British Sea Anglers* (de notre cher ami Mudie), *Quaterly, The Saturday journal* (Londres), *The Queronian,* (Queens Road), *Newcastle Daily Journal, Keighley News, Portsmouth Times, Evening News* (Portsmouth), *Hampshire Telegraph, Irish Independant* (Dublin) et *Freeman's Journal* (id.)

— Des fêtes espérantistes bien réussies eurent lieu à Londres et sa banlieue (Backhurst Hill, Emmanuel, Peckham) — Keighley, St Helens, Sheffield, Truro et Glasgow.

—La propagande est menée activement partout, et l'Esperanto a été introduit dans différents établissements d'instruction, entre autres à Durrington, Huddersfield, Stockport et Dublin.

—De «Greater Britannia»les nouvelles sont très encourageantes.M. le colonel Pollen a fait une propagande efficace pendant son voyage aux Indes. Il a tenu différentes conférences à bord du navire *Mongolia,* ainsi qu'à Aden, où un groupe sera fondé bientôt.

— L'Esperanto est très florissant à Melbourne. On y a remémoré le 50me anniversaire du Dr Zamenhof par une superbe fête, qui a eu lieu à l'Independent-Hall, et où assistèrent plus de 350 personnes.

— A Durban (Natal) le groupe *Natala Verda Stelo* a fêté l'anniversaire de sa fondation le 21 février dernier. Dans cette ville fut également remémoré l'anniversaire du Dr Zamenhof.

---

# LITERATURA PARTO

## LA BRABANTKANTO

(*La Brabançonne*)

DE

MAURICE DES OMBIAUX

Maurice des Ombiaux estas la kantoro de la vivema, gaja, flama kaj petolema Valonlando (Wallonie). Per spritaj verkoj skribitaj en vigla kaj riĉega stilo, li glorigas la virtojn de sia raso ; en gustumindaj rakontoj plenaj je emociaj kaj samtempe malicaj observotrajtoj, li notis la tutajn karakterizajojn de l'valona animo. Liaj verkoj, kiuj estas multnombr-

aj, kalkulas tridekon da volumoj, el kiuj mi citos la ĉefajn: *Mihien d'Avène. Nos Rustres, Petite reine blanche. Mes Tonnelles, Histoire mirifique de Saint Dodon, Maison d'or.* Li estas ankoraŭ la aŭtoro de artaj studajoj pri eminentaj valonaj artistoj. Oni posedas de li rimarkindan volumon pri la granda skulptisto Viktor Rousseau kaj belegajn paĝojn pri la lieĝaj artistoj Auguste Donnay, François Marechal, Emile Berchmans kaj Armand Rassenfosse.

M. des Ombiaux, kiu, ĉiam per la sama varmiga entuziasmo, glorigas la valonlandon kaj aparte la Tudinlandon (Thuin) kaj la landon inter Sambro kaj Mozo kuŝantan, estas maturaĝa kaj en la plena florado de sia talento.

Oni povas ankoraŭ atendi de li belajn verkojn.

De nun M. des Ombiaux, staras sur unu el la plej altaj lokoj, en la belga literatura movado.

La vilaĝeto kaŝita en refaldo de la plej altaj Mozaj (1) montetoj estas nur vizitata de la plej viglaj, plej kuraĝaj turistoj. Ne sufiĉas havi sanan koron por grimpi ĝis tien, ne suferi pri ia astmo aŭ trograseco, oni devas ankoraŭ posedi fortikan kruron, bonan piedon, bonan okulon. Malgraŭ ĉio ĉi, longtempe antaŭ ol atingi la unuajn dometojn, konstruitajn per plataj ŝtonoj, oni haltas por admiri la pejzaĝon de arboplenaj, interkruciĝantaj montoj, la rivereton saltetantan kaj ridetantan, dum ĝia irado al la riverego, sed precipe por viŝi al si la frunton, iomete elblovi kaj spiri. Kia feliĉo, kiam ĉe la kreskbariloj oni trovis kelkajn berojn nigriĝintajn kaj sukplenajn, aŭ kiam bonfaranta branĉo prezentas al la mano kelke da jam violiĝintaj prunoj. La tiea loĝantaro estas malpli civilizita ol tiu de l'valo, ĉar ĝi vivas nur per la arbaroj, kronantaj la suprajojn.

La « antikvaĵamantoj » – tiel oni nomas ilin — kiuj travivis la libertempon ĉe la bordo de la riverego, opinias ke tie, sur la suprajo, estas por ili bonaj okazantaĵoj, ĉar pro la neĝentileco de la landuloj, la vilaĝeto ne estas espluata de la « antikvaĵkomercistoj ».

Malfacile estas enpenetri en la dometojn gvardatajn de hundetaĉoj pli malafablaj ol la loĝantoj. Tre ofte, diskrete, tien iris la turistoj, kun mieno de botanistoj aŭ geologistoj, parolante pri la pluvo aŭ la bela vetero, pri la fruktoj kaj la ĉasaĵo, serĉante sin enŝovi en la riglitan fidon de tiuj arbaruloj. Oni eksciis kelkfoje, ke unu el tiuj « konkistadoroj » estas malsuprenirinta kun malnova poto, kupra benakvujo, aŭ stana alumetujo, varmigileto, lakto kruĉo aŭ lampeto, aŭ ankoraŭ akompanata de ĉareto, portanta ŝrankon, malnovan kofron, aŭ vestŝrankon. Unu el tiuj turistoj sukcesis unutage enpenetri en la malnovan dometon de arbaristo, je la ekstremaĵo de la vilaĝeto, apud la kverkaroj, post kiam li estis paginta multe da glasetoj al la okupanto. Tuj kiam li estis trapasinta la sojlon de l'kuirejo, li haltis mirigate antaŭ la horloĝo. La nigra kverkligna kofro, en valona stilo, estis belforma kaj

(1) La Mozo = La Meuse : riverego.

linieleganta ; vilaĝa artisto skulptis en la ligno kelkajn konkojn kaj desegnaĵojn ; sur la supraĵo de la el batita kupro ciferplado, sub rondluno gravurita en la metalo, oni legis :

MARCHAL, DINANT, 1697

Je la horsonoro, ĝi ludis du ariojn laŭvole, kiam oni eltiris feran tenileton. Estis du popolaj arioj, tre malnovaj, certe datumitaj de l'tempo de « la copères » (1) kaj de iliaj plej belaj « dinanderies » (2) La sonoriletoj eluzitaj, poluritaj, fendetitaj de l'tempo, havis la melankolian ĉarmecon de malnovaj tremetantaj voĉoj, de praavaj malproksimaj voĉoj, de pasintaj voĉoj.

— Interesplena ! ekkriis la vizitanto, kies okuloj pro envio trilis. Ĉu vi posedas ĝin de longe ?

— De longe ! estis la respondo per tono preskaŭ ofendita de de tia demando, de longe ! Sed sinjoro, neniam la horloĝo forlasis la domon, kaj ĝi estas, nepre tiel malnova kiel tiu-ĉi ; la avo de mia praavo aĉetis ĝin de Marchal en Dinant'o.

— Mirinda ! pensis en si mem, la horloĝamanto, kaj ne haltante :Kiom vi postulus pri ĝi, se iu volus aĉeti ĝin de vi ?

— Estas neniu, kiu volas aĉeti ĝin.

— Certe, mi mem.

— Nenion mi postulas pri ĝi. Vendi horloĝon, kiun mi tenas de mia familio, horloĝon, kiu, de patro al filo, neniam forlasis nin ! ne, sinjoro ! pli bone mi ŝatus la detranĉon de la malgranda fingro.

Oftege la turisto revenis, por admiri la deziregatan horloĝon. Ĝi sonoris tiel ĉarme ! Maloftaj estas ja tiaj horloĝoj, kiujn oni povas kompari kun ĝi ! Muzea peco, verdire ! Sed, ĉiufoje, kiam,cedante al sia pasio, li volis akiri ĝin, la vilaĝano koleris :

— Estas tute same, se vi petus ke mi vendu al vi, iun el mia familio. Ni, ne parolu plu pri tio, mi petas.

La fino de la libertempo alproksimiĝis, tial la arboristedzino alparolis aparte la sinjoron kaj diris :

— Kun mia edzo estas por vi nenia espero pri sukceso. Sed kun mi eble vi povus konkludi aranĝon. Venu morgaŭ posttagmeze, mia edzo estos elirinta, kaj forestados multajn tagojn.

Je la difinita horo, la morgaŭan tagon, supreniriınte la monteton, la turisto alvenis tie supre, preskaŭ senspira pro kurado kaj emocio. Post ĉiuspecaj parolaĉoj, la virino konsentis pri la vendo de l'objekto po tricent frankoj. Kredinte akiri ĝin por preskaŭ nenio, la sinjoro grimacis. Sed la deziro estis tiel granda, lia insistemeco estis tia, ke li ne plu kuraĝis

1) Copères = loĝantoj de Dinant'o.
2) Dinanderies = famaj verkaĵoj el batita kupro, faritaj en Dinant'o.

marĉandi, post kiam pri aliaj horloĝamantoj la virino estis parolinta.

Frapeto de mano en manon, konkludita afero.

La sinjoro deprenis la meblon, eltiris la meĥanikaĵon, kaj per fojno kaj pajlo ĉion enpakigis ; dume, la virino al la ĉareto aljungis la azenon.

Poste, oni malsupreniris, laŭ la serpentanta vojeto, kaj oni atingis la vojon kondukantan al la Mozo ; oni trairis la ponton, kaj je la stacidomo oni haltis, por ekspedi la pakaĵon.

— Saĝe vi agis, diris la kamparanino, ĉar, se vi estus konservinta la horloĝon tie ĉi, mia edzo eble kuraĝus repreni ĝin de vi ; aŭskultu, sinjoro, — ŝi aldonis forlasante lin – kion vi deziris vi havas, do, ne remetu la piedojn en la vilaĝeton dum tiu ĉi sezono, atendu la venontan jaron, ĉar kolerema estas mia edzo, eble li farus al vi malbonaĵojn.

Dezireganta admiri la akiraĵon en sia manĝoĉambro, la horloĝamanto mallongigis sian libertempon. Reirinte en la urbon, li venigis specialiston por reedifi la kofron, aranĝi ĝin, vaksi, ekzameni la meĥanikaĵon, oleumi kaj remeti ĝin.

Li petis la horloĝiston pri lia avizo ; post zorgema rigardado tiu ĉi diris :

— La ciferplado ŝajnas pli malnova ol la meĥanikaĵo : tio ŝajnas falsita.

— Ho, ekkriis la sinjoro, ĉie vi vidas falsaĵojn, sendube tio estas ĉe vi kutimo.

— Aŭ mi ege eraras aŭ via meĥanikaĵo estas maksimume malnova sepdek jarojn ; ĝi estas kunmetita el pecoj kiujn oni ne fabrikadis dum la antaŭaj epokoj.

— Neeble, mia amiko, mi opinias ke vi estas tute ne akrevida.

Li eltiris la feran tenileton, la horo kantis unu el siaj arioj kaj poste la alian. Sed, la laboristo puŝinte alian iom rustiĝintan tenileton, la horloĝo ekludis trian kanton ĝis tiam kaŝitan.

Unue, la posedanto aŭskultis kun ravata mieno, baldaŭ fariĝanta malsprita ; dume, la horloĝisto ne povis sin deteni ridegi.

Tiu tria kanto estis nia nacia himno, la *Brabantkanto* (1).

El « Contes de Sambre et Meuse » de Maurice des Ombiaux.

Kun la afabla permeso de l'aŭtoro esperantigis
D-ro H. Dupont.

(1) Kiel scias niaj gelegantoj, la Brabantkanto estas verkita dum la jaro 1830.